INTER
NACIA
LERNEJA
ESPERANTO
REVUO



APRILO
1978
5-A JARO,
N-ro 1 (13)

# juna amiko





Nemzetközi eszperantó diáklap

Megjelenik évente háromszor

V. évfolyam
1. szám, 1978.

Felelős szerk.:
Kurucz Géza

Kiadja
a Magyar Eszperantó Szövetség
1081 Budapest
Kenyérmező u. 6.

Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült
a Somogy megyei Nyomdaipari Vállalat kaposvári üzemében
— 78-7012 — 5000 példányban

Felelős vezető:
Farkas Béla igazgató



TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ



▲ Hindaj akvo-vendistoj

▼ Vazo-faristo





# LANDEGO KUN MIL VIZAĜOJ

Hindio estas grandega lando, la dua plej granda en la mondo, laŭ la nombro da loĝ'antoj. Hindio situas[1] en Suda Azio; ĝi okupas 3 268 531 km² (= kvadratajn kilometrojn), kaj ĝi devas nutri pli ol 600 milionojn da homoj. Tiel vasta areo[2] kaj tiel grandega nombro da en-loĝantoj (de diversaj lingvoj, kulturoj kaj rasoj[3]) faras Hindion mistika[4] lando, en la okuloj de multaj niaj leg'antoj.

Kaj fakte, oni trovas en Hindio sen-pluvan dezerton[5] kaj la plej pluvo-abundan[6] regionon de la mondo; oni trovas vastegan ebenaĵon laŭ-longe de la bordoj de la „sankta" rivero *Gango,* kiun norde limas *Himalajo,* la montara giganto[7] de la Tero. En tiu ĉi grandega lando riĉeco kaj mizero[8], alta kulturo kaj analfabetismo[9] vivas kune.

La pra-loĝantoj de Hindio estis la *dravidoj,* kun alta kulturo, jam en la 3-a jar'milo antaŭ Kristo (a. Kr.). La hindoj atingis la riveregon *Hinduso* ne pli frue ol 1500 a. Kr. Pri la vivo de la pra-

hindoj (laŭ okupo: ĉefe paŝtistoj) parolas la sanktaj libroj de *Vedoj*. El la pra-hinda lingvo de Vedoj, formiĝis la sanskrita lingvo, kiu fariĝis, poste, la lingvo de scienco kaj arto de altaj klasoj, kaj kiu havis riĉan literaturon, dum 1500 jaroj, ek-de la 5-a jar'cento a. Kr. La plej miraklaj[10] verkoj en tiu lingvo estas la naciaj epopeoj[11] *Mahabarato* kaj *Ramajano*. La unua konsistas el ĉirkaŭ 100 mil verso-paroj; la dua, el 48 mil versoj. Ili servas kiel ne-elĉerp'ebla fonto por la moderna hinda literaturo.

Kun la diferenciĝo de la homoj, laŭ klasoj, formiĝis kvar kastoj[12] severe apart'ig'itaj unuj de la aliaj. La apartiĝo estis tiel forta, ke ili ne komprenis unu la alian, eĉ parole.

*Aŝoko*, potenca[13] hinda reĝo (273—232 a. Kr.), prenis la Budhismon kiel ŝtatan religion por la hindoj. Dum lia regado, ek-floris sciencoj, komercado kaj konstruado.

Post la jaro 1000, muzulmanoj[14] okupis grandan parton de la lando kaj, dum jar'centoj, dis-vast'iĝis ankaŭ ilia religio: la *Islamo*.

La unua Eŭropano, kiu metis sian piedon sur hindan teron, estis *Vasco da Gama* (1498) kiu, ĉirkaŭ-vetur'inte Afrikon, atingis Hindion. En la 17-a jarcento, kreskis la influo[15] de Nederlando, Anglio kaj Francio ĝis, fine, en la mezo de la 19-an jarcento, Anglio akiris plenan ekonomian kaj politikan potencon en la landego.



◀ Pilgrimantoj

▼ Parlamentejo en nokta lumo



Protesto[16] kontraŭ la angla superreg'ado konstante kreskis, precipe sub la gvidado de *Gandhi*. Anglio devis cedi[17] en 1947.

Nun, post la sen-de-pend'iĝo, Hindio devas plen'forte rapidigi la evoluon, por malaper'igi mizeron, malsaton kaj maljustecon; krome, por levi la popolojn al nivelo, inda je la tradicio[18], ĉar tiu tero estis ja lulilo de trigonometrio[19], medicino[20], silko-teksado[12], hidraŭliko[22], metalurgio[23] k. t. p.

La evoluo de Hindio estas malrapid'ig'ata ankaŭ pro la mult-lingv'eco. En Hindio, oni parolas pli ol 200 lingvojn, el inter kiuj 14 estas la ĉefaj, ĉiu kun riĉa literaturo. Al ili, al-don'iĝas la angla, kiu — pro la divers'lingveco — havas ankoraŭ gravan rolon kiel inter-popola komunikilo.

La modernaj hindaj artoj filma danca kaj muzika estas konataj en la mondo. Ĉu vi renkontis iun el ili? En Esperanto, vi povas legi sep belajn rakontoj de Nobel-premiita bengala verkisto *Rabindranath Tagore* (1861—1941) sub la titolo: *Malsata ŝtono.*

La ĉef'urbo *Delhio* rapide kreskas kaj moderniĝas. Ĝiaj loĝantoj (3 milionoj da homoj) kaj ankaŭ tiuj de la grandaj havenourboj[24] *Bombajo, Kalkato,* kaj *Madraso* gast'ame akceptas ĉiujn, kiuj venas tien kun homa komprenemo.

1. kuŝas; troviĝas/ 2. parto de la supraĵo de la Tero/ 3. raso: grupo da homoj, kiuj havas samajn pra-patrojn/ 4. sekreto-plena/ 5. dezerto: vasta sabla regiono/ 6. abunda: pli ol multa/ 7. grand'eg'ulo/ 8. stato de homoj en troa malriĉ'eco kaj malfeliĉo/ 9. analfabeto: homo, kiu scias nek legi nek skribi/ 10. tre mirigaj; unikaj/ 11. epopeo: longa versa verko pri gravaj historiaj okazaĵoj/ 12. grupo da sam'rangaj homoj, plene apart'ig'itaj dis-de aliaj grupoj/ 13. grand'pova: forta-mana/ 14. homoj, kiuj al-iĝis al la religio de Mahometo/ 15. influi: havi forton efiki al iu laŭ sia intereso/ 16. el-montrado de kontraŭa opinio/ 17. ne kontraŭ-stari; konsenti/ 18. trans-donado de antaŭaj konoj kaj kutimoj/ 19. kalkulado per anguloj/ 20. la arto kuraci/ 21. silko: maldika brila teksaĵo/ 22. scienco pri uzo de akvo-forto/ 23. industrio pri fabrikado de metaloj/ 24. haveno: al-venejo kaj for-ir'ejo de ŝipoj.

PIEDNOTOJ POR „SOMERA ESPERANTO-TENDARO" (6-a paĝo)

1. ĉi tie: aro da tend'ar'anoj, kiujn, post kelka tempo, sekvos alia aro da personoj/ 2. korpo-ekzerc'ado/ 3. dediĉi: tute for-doni al io/ 4. profesio: labor'okupo por gajni monon/ 5. deĵori: plenumi laboron en certa tempo-daŭro/ 6. boato: ŝipeto por 2 ĝis 4 personoj/ 7. tempo, dediĉ'ita al amuzaĵoj/ 8. masko: amuza arta vizaĝo-kovrilo, por resti ne-re-kon'-ebla/ 9. deklami: laŭt'voĉe prezenti versaĵon/ 10. inter-parolado.

ABC POR KOMENCANTOJ

*Ludmila Jevsejeva*

## UNU-SOLA EN LA MONDO

Kiom da steloj sur nokta ĉielo!
Kiom da spikoj[1] sur kampoj!
Kiom da verdaj folioj sur arbo!
Kiom da birdaj tril'kantoj[2]!
Nur unu-solas la sun' en la mondo.
Nur unu-solas patrin' en la mondo.

1. kapo de pano-herbo; ĝi entenas la semojn/ 2. trilo: altvoĉ ornamo de kanto.




## SOMERA ESPERANTO-TENDARO EN LANČOV, ĈEĤOSLOVAKIO

*Antaŭ pli ol 25 jaroj, junaj homoj en la urbo Třebíč (:trĵebiĉ), decidis lerni la Internacian Lingvon, dum siaj liber-tempoj. Ili hav'igis al si malnovajn tendojn, starigis ilin en arbaro apud lago, kaj tie ili vivis dum 14 tagoj. Ili faris ekskursojn, sportajn ludojn, naĝis kaj lernis Esperanton. De jaro al jaro, la tendaro fariĝis pli perfekta kaj komforta.*

*En 1978, okazos jam la 26-a SET, kaj la 20-a SET en Lančov (:lanĉov). Pri la tendaro zorgas esperantistoj en Třebíč. Ĉiu-somere, ili organizas du (dum la lastaj jaroj eĉ kvar) 14-tagajn etapojn[1] kun po 120 personoj.*

*La programo komenciĝas per matena gimnastiko[2]. Post maten'manĝo, sekvas la Esperanto-lernado. La lasta leciono, ĉiu-tage, estas dediĉita[3] al kant'ado. Post la tag'manĝo, povas ripozi kaj sin amuzi ĝis en-lit'iĝo.*

*Pri la programo de la tendaro zorgas la program'estro kaj la tag'estro. La ĉefaj programoj estas: sportaj konkursoj, naĝado, boatado[6], ekskursoj per-piedaj, per ŝipo kaj*

*aŭtobuso, karnavalo[7] de maskoj[8], konkursoj pri diversaj konoj kaj lertecoj: deklamado[9], teatraĵoj, kantado, pentrado, desegnado; vespere tendar'fajro, dancado, prezentado de lum'bildoj, divers'naciaj artaj programoj kaj aliaj aktivecoj amuzas la partopren'antojn.*

*Krom ĉeĥoj kaj slovakoj, nian tendaron vizitis multaj ekster-land'anoj, kiel kurs'anoj aŭ kiel gastoj, dum kelkaj tagoj, el Aŭstrio, Bulgario, Danio, Francio, DRGermanio, FRGermanio, Hungario, Italio, Japanio, Jugoslavio, Kanado, Nederlando, Pollando, Sovetunio, Svedio kaj pliaj. Ili praktike uzis Esperanton, inter-amikiĝis kun ekster-landaj esperantistoj kaj tra-pasis sukcesajn ekzamenojn.*

*Nun-tempe, la instruado okazas en pluraj kursoj: A — por komencantoj; B— por progresantoj; C— por konversacio[10]; D — por instru'ontoj.*

*La tendaro havas proprajn lerno-librojn, kant'ar'etojn kaj aliajn librojn. La tendara vendejo vendas Esperantaĵojn; ekzistas propraj insignoj kaj aperadas tendara gazeto „Viciĝo”.*

*La al-iĝ'iloj por SET estas send'otaj al la adreso: Esperantista klubo; pk. 72.; CS—674 01 TŘEBÍČ.*

*Nun, la iamaj junaj homoj estas plen'kresk'uloj, kaj pluraj el ili ne plu vivas. Sed ilia verkaĵo, „SET-Lanĉov” ekzistas; kaj en 1978, ĝi estos certe ankoraŭ pli sukcesa ol en la jaro 1977. Venu al ni! Kaj vi povos vidi tion per propraj okuloj.*

*J. Chvosta (Ĉeĥoslovakio)*






# Revuo de FUTBALISTOJ[1]

PIEDNOTOJ sur la 11-a paĝo

En junio de tiu ĉi jaro, ĉies atento direktiĝos al *Argentino*. Tiu lando, en Suda Ameriko, akceptos la 16 plej bonajn futbalajn teamojn[2] de la mondo.

Intereso pri la futbalo (kaj ĉefe pri la monda ĉampioneco[3], kiu okazas en ĉiu kvara jaro) sen-halte kreskas, ne nur flanke de la spektantoj[4], kiuj, per televido, povas kvazaŭ ĉeesti la matĉojn[5]; kreskas ankaŭ la nombro de la partopren'antaj landoj. En la unua ĉampioneco (1930), en *Urugvajo*, partoprenis nur 13 teamoj. Dum la lastaj jaroj, al-



iĝis proksimume 100 naciaj teamoj; sed nur la 16 plej sukcesaj rajtas veturi al la finala[6] konkurso, por akiri la oran pokalon[7] kaj la titolon *ĉampiono de la mondo*.



Kelkaj naciaj teamoj, kiuj iam distingis[8] sin per alta nivelo en tiu ĉi sporto-branĉo, nun povas partopreni nur kiel spektantoj. Ili ne sukcesis trapasi la kvalifikadon[9]. Mi mencias nur la jenajn: Urugvajo, Ĉeĥoslovakio (ĉampiono de Eŭropo), Sovetunio.

Inter la spektantoj de la ĉi-jara ĉampioneco troviĝos multaj futbalistoj, kies nomoj flugis tra la tuta mondo antaŭ 4 aŭ 8 jaroj: *Pele, Beckenbauer, Müller, Di Stefano, Jaŝin, Charlton* kaj aliaj. Sed eble ĝuste dum la ĉi-jara ĉampioneco famiĝos novaj nomoj kaj aperos novaj steloj sur la futbala ĉielo.

Jam dek-foje, oni luktis por posedi la titolon „ĉampiono de la mondo". Certe estas interese rigardi, kiuj estis la plej bonaj:

*1930* — *Urugvajo*
*1934* — *Italio*
*1938* — *Italio*
*1950* — *Brazilo*
*1954* — *FRGermanio*
*1958* — *Brazilo*
*1962* — *Brazilo*
*1966* — *Anglio*
*1970* — *Brazilo*
*1974* — *FRGermanio*

Kaj... kies nomon oni skribos sur la liston en 1978? Por tion scii, ni devas atendi ĝis la fino de junio. Tiam, en *Buenos Aires,* okazos la lasta matĉo de la 11-a ĉampioneco tut'monda. Kiu venkos? Ĉu ĝi estos iu teamo el Eŭropo? Ĉu, de-nove, futbalistoj de Suda Ameriko? Aŭ ĉu okazos surprizo[10]? Oni diras: la pilko estas ronda, kaj la matĉo finiĝas je la lasta fajfo de la lud'estro.

La plej bona teamo gajnu!

*D. Berndt* (DRGermanio)

ABC POR KOMENCANTOJ

**(1)** J O E K T K L A N S
3 5 1 8 9 2 3 7 4 5

**(2)** A I E Z G E B U E O
7 2 6 8 3 1 5 9 4 3

**(3)** P M Ŝ H I D O A * L
8 4 7 2 5 9 3 2 7 1

**(4)** N C A K Ĉ Ĝ E P B T
6 3 5 8 2 4 1 7 9 2

**(5)** A Z F J M U S Ŝ V I
1 6 3 9 5 2 1 4 7 9

**(6)** G * O R P E U L A K
9 5 7 1 3 5 6 2 4 7

**(7)** S O E C I H A M V N
4 3 5 7 1 6 9 5 2 0




Ree, vi trovos ĉi-sube 7 litero-dekojn por konkursi en vorto-farado.

La reguloj de la ludo troviĝas en la 11-a (septembro 1977) numero, sur la 21-a paĝo.

Sendu la vortojn sur kvadrat'ita papero, antaŭ la 31-a de aŭgusto 1978 al *G. Kurucz;* Hitel u. 10. fszt. 16.; H—6000 KECSKEMÉT; *Hungario!*

# *Mito*[1] *pri la urbo Meksiko*



Antaŭ ses jar'centoj, en *Meksiko* vivis feliĉa kaj libera popolo: la aztekoj. Ilia lando estis vasta, la kampoj estis frukto-donaj, kaj la loĝ'ant'aro estis labor'ema. La azteka kulturo estis alt'nivela. Oni konstruis belajn urbojn kun akvo-kondukiloj. La preĝejoj, konstru'itaj sur arte-far'itaj montoj (piramidoj), apartenis al la juveloj[2] de la monda kulturo.

La reĝo decidis konstrui novan ĉef'urbon. Li ven'igis al si la konsil'antojn kaj la sacerdotojn[3], kaj li ordonis al ili trovi taŭgan lokon por la nova ĉefurbo. Sed la sacerdotoj demandis: „kie ni serĉu la lokon?" La reĝo respondis: „Tio estas via tasko. Viaj dioj konsilu al vi!"

Post certa tempo, la sacerdotoj re-venis al la reĝo, kaj ili malkovris, antaŭ li, la volon de la dioj: „Konstruu la novan urbon sur tiu loko, kie aglo[4] sidiĝos sur kakto[5] por manĝi serpenton!" La reĝo tuj dissendis siajn soldatojn kaj sacerdotojn, por serĉi tiun lokon. Kaj vere, post ne-longa tempo, unu el la grupoj, kiu celis trans la riveron, ek-vidis, en la aero, grandan aglon kun serpento inter la ungegoj. Subite, la aglo eksidis sur granda kakto, apud la rivero, kaj komencis manĝi la serpenton.

La sacerdotoj markis la lokon, kaj la popolo konstruis tie la urbon, kiu staras ĝis hodiaŭ. Ĝia nomo estis *Tenoĥtitlan*, nun: *Meksiko.*

La blazono[6] de la *Unu-iĝ'intaj Ŝtataj de Meksiko* memorigas pri la supra mito: aglo, manĝ'anta serpenton sur kakto. Ĉu vi jam vidis ĝin? Tiu sama bildo troviĝas ankaŭ en la blanka mezo (inter verda kaj ruĝa koloroj) sur la nacia flago.

*J. Klement* (Ĉeĥoslovakio)

1. rakonto pri okazaĵo el la tempo de pra-uloj/ 2. grand'valoraĵoj/ 3. sacerto: religiulo/ 4. granda rabo-birdo, nom'ata reĝo de la birdoj/ 5. varm'regiona kreskaĵo kun pikiloj anstataŭ folioj/ 6. distinga signo de urbo, de ŝtato ktp.

---

PIEDNOTOJ POR „Revuo de FUTBALISTOJ" (8-a paĝo)

1. futbalo: pied'pilko/ 2. teamo: certa aro da lud'antoj de iu nacio aŭ klubo/ 3. ĉampiono: homo aŭ teamo, kiu akiris la unuan lokon en granda sporta konkurso/ 4. rigard'antoj/ 5. matĉo: sporta ludo inter du teamoj/ 6. finala: fina, lasta kaj decida/ 7. arta vazo kun la formo de trinkujo/ 8. el-staris, elleviĝis/ 9. kvalifiki: apart'igi la plej bonajn konkurs'antojn el inter la meze bonaj/ 10. ne-atend'ita okazaĵo.

---

1. long'orela rapid'kura sovaĝa besto/ 2. vasta supera vestaĵo, kiu kovras la tutan korpon/ 3. akvo-vaporo en la aero/ 4. varma vestaĵo, far'ita el felo kun dika hararo/ 5. kavo por mortinto/ 6. batadi por el-igi maturajn semojn.

## PAROL TURNOJ — DIR'MANIEROJ

Ĝis nun, ni aper'igis plurajn dekojn da proverboj, kaj ni esperas, ke vi lernis multajn el ili.

De nun, de tempo al tempo, vi trovos parolturnojn. Ili estas tiel same gravaj kiel la proverboj. Se vi uzos parolturnojn, via lingvaĵo fariĝos pli bildo-riĉa, do pli bela. Ni ĉerpas ilin el la *„Dom'fabriko"* de *K. Kalocsay* (:kaloĉai) kaj *A. Csiszár* (:ĉisar).

*El-verŝi sian koron* (sincere malkovri sian malĝojon)
*For-iri kun longa nazo* (malsukcesi)
*Prunti de leporo*[1] *piedojn* (rapide for-kuri)
*Komenci de Adamo* (fari tre longan en-kondukon al la temo)
*Sur-meti mantelon*[2] *el nebulo*[3] (malaperi)
*Dormi kiel pelto*[4] *somere* (dormi longe kaj profunde)
*Pendi sur la lipoj de iu* (atenteme aŭskulti iun)
*Stari per unu piedo en la tombo*[5] (esti baldaŭ mort'onta)
*Ŝovi la nazon en ĉiun vazon* (sen peto, inter-veni kaj doni konsilojn)
*Draŝi*[6] *iun* (forte bati iun)




## KIEL FLORO SUR LA KAMPO

El la nederlanda tradukis: *F. v. Wegen*
Muziko: *V. Heimlich* (:hajmliĥ)




ABC POR KOMENCANTOJ

***John Dinwoodie***[1]

### *SOLECO*

*Ŝafisto iras sur mont'aro,*
*kie bird'kantoj sonas;*
*kun la Natur' en solidaro*[2]
*solecon li ne konas.*

*Sed iras mi sur urbo-stratoj,*
*kie la bru' sen-ĉesas;*
*kaj meze inter la hom'fratoj*
*fremd'ule mi solecas.*

1. (:ĝonn dinŭudi) skoto/ 2. reciproka inter-helpemo.



Dieter Berndt

# ENIGMO-FLORO




*En la direkto de horloĝ'montriloj:*

1. La ĉef'urbo de Eŭropa lando (Esperanto-formo); 2. Religia simbolo[1]; 3. Forto, per kiu korpo ŝin ?tas antaŭen; 4. Fajro-lango; 5. Vendo-valoro de objekto; 6. Virina nomo; 7. Societo[2] de personoj, kiuj havas la saman intereson; 8. Unu el la supraj membroj de homo; 9. Ilo por pur'igi vestojn aŭ ŝuojn; 10. Ringo-forma insulo, form'ita de koraloj; 11. Kontraŭstari ies volon; 12. Titolo en islamaj[3] landoj; 13. Tute simila laŭ iu rilato; 14. Sin-montro; 15. Malmola metalo; 16. Ovo-formo; 17. Skribilo por lerneja tabulo; 18. Planedo[4] de la Suno; 19. Havenourbo[5] en Alĝerio (Esperanto-formo); 20. Parto de planto.

*En la direkto, kontraŭa al la horloĝ'montriloj:*

1. Antaŭe pri-pens'ita aranĝo; 2. Mon'unuo en kelkaj Eŭropaj landoj; 3. Malĝusta opinio aŭ faro; 4. Moviĝo en aero; 5. Libera spaco, ĉirkaŭ-ita de domoj; 6. Ŝtato en Azio; 7. Grasa parto de lakto; 8. Urbo en Francio (Esperanto-formo); 9. Koloro (o-formo); 10. Aparten'anta al popolo de Norda Afriko; 11. Kvanto da komercaĵoj en vendejo; 12. Longa versa rakonto; 13. Vira nomo; 14. Varbado[6] kun politika celo; 15. Kolekti monon, ne el-spezi; 16. Teatraĵo de Shakespeare (Esperanto-formo); 17. Inter la tria kaj la kvina; 18. Montaro inter Eŭropo kaj Azio; 19. Aŭd'organo; 20. Ano de familio.

Sendu la solvon (ĉiujn vortojn en iu direkto!) al s-ro *Dieter Berndt*, Berolinastr. 2. DDR—102 BERLIN, DRGermanio, antaŭ la 31-a de aŭgusto 1978!

1. objekto aŭ bildo, kiu vekas la saman ideon en ĉiu/ 2. aro da homoj/ 3. islamo: religio, fond'ita de Mahometo/ 4. ĉielokorpo/ 5. haveno: alboriĝejo por ŝipoj/ 6. varbi: al-tiri homojn al iu movado.

# KASTORA LETERO
## De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*Jen venis de-nove la printempo kaj, antaŭ ni, staras la somero; gaja tempo por ĉiuj, kun bela vetero, ni esperas! Kiel vi pasigos la liberajn monatojn ĉi-jare? Ĉu vi restos en via propra lando, aŭ vojaĝos eksterlanden? Ĉu vi renkontos esperantistojn? Nu, mi havas peton! Tuj post viaj ferioj[1], bon'volu skribi al mi pri ili, — kaj pri io ajn, kio interesis aŭ amuzis vin dum la somero. Se ĝi interesis vin, ĝi sen-dube interesos ankaŭ aliajn amikojn, kaj mi volus en-meti ĝin en la Kastoran Leteron en ven'onta JUNA AMIKO.*

*En ĉi tiu Letero, vi vidos artikoleton[2], verk'itan de tri Oraj Kastoroj, kiuj rakontas al vi, kia-maniere ili atingis tiun altan gradon. Sed tute ne necesas esti Ora Kastoro, por ke mi presigu vian artikoleton en niaj paĝoj. Sufiĉas, ke vi estu membro de la Klubo.*

### INTER-KORESPOND'ADO

Kelkaj membroj skribis pri la ebleco star'igi inter-korespondadon inter Kastoroj; kaj, kompreneble, mi tre interesiĝas pri tia ideo. La malfacilo estas, ke mi mem devus multon el-spezi por estigi la necesajn kontaktojn[3], kaj mi, bedaŭrinde, ne havas sufiĉe da mono! Do mi bedaŭras, ke mi ne povas starigi tian servon, antaŭ ol la Klubo estos sufiĉe riĉa. Tamen, vi povus meti anonc'eton en la revuon JUNA AMIKO. (Vidu la paĝon 23.)

### NOVAĴOJ PRI KASTOROJ

Mi tre ĝojis, lasta-tempe, aŭdi pri kelkaj fruaj membroj de nia Klubo, ĉiuj en *Francio*. La unuaj tri al-iĝis al la Klubo jam en la jaro 1965! *Lisbeta Schreiber* (membro-numero 14), kiu atingis la gradon Ora Kastoro, edzin'iĝis, kaj nun havas du infanojn, kiel ankaŭ *Dominika Massé* (n-ro 27), kiu estis Arĝenta Kastoro. Alia Ora Kastoro estis *Veronika Pannier* (n-ro 17), kiu nun instruas Esperanton, kaj la anglan kaj germanan lingvojn, en dua-grada lernejo. Ora Kastoro *Martena Got* (n-ro 232) veturis al *Usono*, tuj post sukceso en la abiturienta[4] ekzameno, en 1976, por studi la anglan lingvon, kiun ŝi nun flue parolas. Ŝi trovis laboron en

iu vendejo, kaj deziras resti en Usono. Inter-tempe ŝia fratino *Maria-Kristina* (n-ro 385), Arĝenta Kastoro, ankoraŭ studas en mez'lernejo. Ŝi vizitis la Universalan[5] Kongreson en *Islando.* Mi ricevis ĉi tiun informon de Honora Kastoro s-ino *J. Vincent,* instruistino ,kiu loĝas apud la fama kultur'domo esperantista en *Grésillon* (:grezijon), en Francio.

Kaj nun sekvas la artikolo, kiun verkis por vi tri Oraj Kastoroj en Ĉeĥoslovakio. Iliajn fotojn vi vidas ĉi-sube.





Hana Žáková    Vladimír Žák    Jarmila Žáková

## NIA VOJO AL „ORA KASTORO"

Antaŭ unu jaro, ni kon'at'iĝis kun la kondiĉoj de la Kastora Klubo. Sen-hezite[6], ni komencis plenumi ilin. La plej malfacila kondiĉo por ricevi la Atestilon[7] de Ora Kastoro estis, viziti iun ekster-landan amikon. Ni havas amikojn en la tuta mondo; sed la plej simpla vojaĝo, por ni, estis vojaĝi en la najbaran Hungarion. Ni vizitis niajn junajn hungarajn amikojn en la vilaĝo *Écs* (:eĉ), proksima al *Pannonhalma* (16 km de la urbo *Győr).* Ni ekkonis spertan esperantiston *Maria Vadász* (:vadas), instruistino en la loka Esperanto-rondeto. Ni rigardis kultur'memoraĵojn de la ĉef-urbo *Budapesto,* de urbeto *Esztergom* (:estergom), kaj la belecon de la lago *Balaton.* Sed ne nur tiuj lokoj estas Hungario, kiel opinias multaj turistoj[8]. Ekzemple, la romantikaj[9] kastelo-ruinoj[10] *Csesznek* (:ĉesnek) aŭ la mistero-plena[11] tombejo[12] de hungaraj reĝoj en *Székesfehérvár* (:sekeŝfehervar) kaj similaj — tio estas lokoj, kiujn forgesu neniu turisto. Ni vere en-amiĝis al tiu ĉi lando, kaj niaj amikoj simile al la nia, ĉar baldaŭ ili vizitis nin en Ĉeĥoslovakio. Kaj ni ĉiuj konsciiĝis, ke la amikeco de la esperantistoj ne konas limojn.

Oraj Kastoroj *Žák—Žáková*

NIAJ PROMOCIITOJ:

Inter la preparado de la decembra Kastora Letero (en aŭgusto) kaj la komenco de decembro, la jenaj Kastoroj atingis pli altan gradon:

FARIĜIS ORAJ KASTOROJ:

*784 ŽÁK, Vladimír,* Ĉeĥoslovakio
*785 ŽÁKOVÁ, Jarmila,* Ĉeĥoslovakio
*786 ŽÁKOVÁ, Hana,* Ĉeĥoslovakio

FARIĜIS ARĜENTA KASTORO:

*785 J. Žáková,* Ĉeĥoslovakio

FARIĜIS BRUNAJ KASTOROJ:

787 Z. Novotná (Ĉeĥoslovakio); 788 V. Novotný (Ĉeĥoslovakio); 789 H. Pšeničková (Ĉeĥoslovakio); 795 M. Koike (Japanio); 796 J. Asaoka (Japanio); 797 H. Oonîŝi (Japanio).

NASKIĜ'TAGO:

En la nuna jaro, nia frata organizaĵo „GEONKLOJ ESPERANTISTAJ" fariĝas 20-jara. Dum tiuj jaroj, G. E. trovis onklojn kaj onklinojn ali'landajn por pli ol 1100 infanoj en 28 landoj.

Fine, mi petas pardonon, ke mi ne ĉiam memoris doni al vi la adreson de la Klubo, kiun ne ĉiuj leg'antoj konas. Jen la adreso: 3 Berwick Avenue; URMSTON, Manchester; M31 1PS, *Anglio.* Kaj tio estas la adreso ankaŭ de „GEONKLOJ ESPERANTISTAJ", kiu volonte trovos iun onklon aŭ onklinon, en alia lando ankaŭ por vi, se vi skribos al ili. (Al-donu unu respond'kuponon[13], se estas eble.)

PIEDNOTOJ sur la 19-a paĝo

1. parto aŭ angulo ĉe gazeto/ 2. ilustri: ornami verkon per bildoj aŭ desegnaĵoj/ 3. laŭ-tempe; sin-sekve/ 4. skribaĵo; presaĵo/ 5. malnovaj; pra-tempaj/ 6. pens'em'ulo, kiu okupas sin pri la plej ĝeneralaj leĝoj de la naturo kaj socio/ 7. granda regno/ 8. la plej suda (malvarmega) parto de la ter'globo/ 9. grandega tombo-konstruaĵo de faraonoj/ 10. egipta reĝo en antikva tempo/ 11. sciencisto, kiu ekzamenas la ĉielo-korpojn/ 12. la tuta mondo; ĉio, kio ekzistas/ 13. korekti: ĝust'igi.

LA RUBRIKON[1] GVIDAS
*Josef Chvosta* (:ĥvosta)
Engelsova 289,
290—01 PODEBRADY
*Ĉeĥoslovakio*
Sendu ĉiun korespondajon rekte al lia adreso!




⊙ La konkurson pri la „Tag'ordo de XY" (n-ro 10) sukcese solvis s-ano *Barna Buza* en Hungario, s-ano *Helmut Heinemann* kaj s-anino *Eva Wolf*, ambaŭ en DR Germanio.
Ni gratulas al ili!

⊙ La frato de XY portis hejmen 13 ilustraĵojn[2] por pres'ota lernolibro pri historio. Li petis, ke XY helpu al li kronologie[3] aranĝi la ilustraĵojn.



Jen estas la teksto[4] por la unuopaj ilustraĵoj:

*A* La unua leĝ'aro de la Babilona reĝo *Hammurabbi*

*B* Atako kontraŭ la fama malliber'ejo *Bastille* (:bastij) en la ĉef-urbo de Francio

C La unuaj Olimpiaj Ludoj ĉe la antikvaj[5] grekoj

*Ĉ Konfuceo* (ĉine: *Kung-fu-ce*), filozofo[6] de la Ĉina Imperio[7]

*D* Atingo de la Suda Poluso[8]

*E Aristotelo*, la plej granda filozofo en la antikva Grekujo

*F Ĝingisĥano*, titolo de *Temuĝin*, imperiestro de mongoloj

*G L. L. Zamenhof*, kre'into de Esperanto

*Ĝ* Piramido[9] de la faraono[10] *Cheops* (ĥeops), la plej alta piramido en Egiptujo

*H N. Koperniko*, astronomo[11], kiu skribis en sia libro, ke la Suno (ne la Tero) estas la centro de la Universo[12]

*Ĥ K. Marx* (:marks), filozofo kaj revoluciulo

*I F. Magalhaes* (:magaljais), la unua homo, kiu ĉirkaŭ-veturis la ter'globon

*J* Du fratoj, *Romulus* kaj *Remus*, la fond'intoj de Romo

Ksaver Ipsilon vic'igis la bildojn tia-maniere:

1 — A, 2 — Ĝ, 3 — C, 4 — Ĉ, 5 —J, 6 — E, 7 — F, 8 — H, 9 —I, 10 — D, 11 — Ĥ, 12 — G, 13 — B.

Ĉu lia vic'ordo estas ĝusta? Se vi trovas erarojn, sendu la korektojn[13] al nia adreso, antaŭ la apero de la nova numero!

⊙ Ĉu vi kapablas pentri aŭ desegni tiujn ilustraĵojn laŭ via imago? Provu almenaŭ kelkajn! La plej trafaj bildoj aperos en nia rubriko.

ABC
POR KOMENCANTOJ

# MONO AKIR'ITA PER LABORO

*Kartvela*[1] *popola fabelo*

Iu viro havis filon tre mallabor'eman. Dum lia tuta vivo, la patro nutris lin ĝis, fine, la patro maljun'iĝis kaj malsaniĝis.

Tiam li diris al sia edzino: „Mi testamentos[2] mian tutan havaĵon al iu fremdulo; mi lasos la filon sen heredaĵo[3]. Li estas mallaborem'ulo; li povas akiri nenion per laboro."

Aŭd'inte tion, la patrino decidis helpi al la filo. Ŝi donis al ii oran mon'eron, kaj diris: „Prenu ĝin, filo mia, kaj for-estu ie ĝis la vespero! Tiam, revenu kaj al-iru al la patro; donu al li tiun or'moneron kaj diru, ke *vi* per-laboris ĝin."

La filo agis tiel. Vespere, li revenis, aliris al sia patro, kaj donis al li la or'moneron. La patro prenis la moneron kaj ĵetis ĝin en la fornon, dir'ante: „*Ne vi* perlaboris ĉi tiun!" La filo ek-ridetis kaj el-iris.

La patrino komprenis la aferon, kaj ŝi diris al sia filo: „Estas klare, ke ni ne povas trompi la patron, filo mia. *Vi mem* devas ek-labori."

La filo for-iris, kaj li laboris dum la tuta semajno. Tiam, li revenis, kaj donis al la patro or'moneron. La patro prenis la moneron, kaj denove ĵetis ĝin en la fornon, dirante: „Ne, filo, por tiu monero, *ne vi* laboris."



ABC POR KOMENCANTOJ

La filo saltis al la forno; per nuda mano, li el-puŝis la moneron el la fajro, kaj kriis: „Dum la tuta semajno, mi laboris por akiri tiun moneron, kaj vi ĵetas ĝin en la fajron!?" Tiam lia patro diris: „Jes, nun mi kredas, ke *vi mem* laboris por *tiu* monero."

*El la rusa tradukis: G. Kurucz*

1. kartvelo: popolo, kiu loĝas en Kaŭkazo/ 2. post-lasos sian havaĵon donace por iu/ 3. heredi: ricevi per testamento.

ABC
POR KOMENCANTOJ



# LUDU ŜAKON!

2-a problemo

JULIO NEUKOMM
„Good Companions" 1923
*Mato en 2 movoj*
(Komencas la Blanka)

*Blanka:* Rg1, Da8, Th5, Kf5, Ĉe7, Pb2, c4, d6, e6, f6 (10)
*Nigra:* Re5, Kh1, Pc5, g2, g3, g4 (6)

La solvon sendu al d-ro *J. Németh,* Szabó J. u. 3., 6300 KALOCSA, *Hungario,* antaŭ la 1-a de septembro! Sur la poŝt'karto skribu: *„Ŝako en JUNA AMIKO".*




PIEDNOTOJ POR „Magia adicianto" (20-a paĝo)

1. tre surpriza; mir'iga/ 2. adicii: sum'igi nombrojn/ 3. ŝtopilo (por botelo) el malpeza arbo-ŝelo/ 4. plezur'igos/ 5. kontraŭa/ 6. krom; ne al-kalkul'ante.

PIEDNOTOJ de KASTORA LETERO (16-a paĝo)

1. liber'tempo/ 2. artikolo: verkaĵo, pres'ita en gazeto/ 3. kontakto: interrilato/ 4. abituriento: lernanto, kiu sukcese tra-pasis la ekzamenon post la lernado en mez'grada lernejo/ 5. tut'mondan/ 6. sen longe pripensi/ 7. oficiala paperaĵo, kiu pruvas, ke iu plenumis ion/ 8. homoj, kiuj veturas cele de plezuro/ 9. romantika: plena de intereso-vekaj aferoj ne ĉiutagaj/ 10. ruino: restaĵo de fal'inta konstruaĵo/ 11. mistero: sekreto plej ofte en religio/ 12. loko, kie oni en-ter'igas mort'intojn/ 13. marko, kiu ateras pri pago por la respondo.

# Magia[1] adicianto[2]

*Géza Kurucz (Hungario)*




Ni prezentas al vi interesan magiaĵon. Vi bezonas, por ĝi, nur 4 korkojn[3] kaj 4 longajn tabuletojn el dika papero. (La korkoj servas kiel piedoj por la tabuletoj.) Sur ambaŭ flankoj de ĉiu el la tabuletoj, troviĝas po 5 nombroj.

Vi estu la magia adici'anto. Antaŭ ol prezenti la magiaĵon, diru al iu el viaj amikoj: „Aranĝu la tabuletojn, turn'ante kaj interŝanĝ'ante ilin, laŭ via bon'trovo! Kiam vi trovos ilin sufiĉe miksitaj, adiciu la kvar-ciferajn nombro-kolonojn! Mi, kiu ne vidas viajn nombrojn, skribos la sumon, sur peceton da papero, pli frue ol vi venos al la rezulto."

Via magia adicio-kapablo ravos[4] ĉiujn.

Sed . . . fakte! Kiel vi venas rapide al la ĝusta solvo, sen vidi la nombrojn?

La solvo sin kaŝas en speciala aranĝo de la nombroj.

*Unue:* Sur ĉiu el ambaŭ flankoj de la tabuletoj, vic'iĝas 5 nombroj, kiuj rezultigas sumon inter 20 kaj 29. La restaĵo (post adicio de iu ajn nombro-kolono) do estas: 2. Ekzemple, vi vidas, sur unu el la tabuloj:

| A-flanko: | B-flanko: |
|---|---|
| 7 | 8 |
| 7 | 6 |
| 4 | 8 |
| 5 | 3 |
| 3 | 2 |
| 26 | 27 |

ABC POR KOMENCANTOJ

*Due:* La dua nombro (7 kaj 6) montras la unuon de la sumo de la dorsa kolono (sur flanko A, 7 montras al 27 de flanko B; kaj sur flanko B, 6 montras al 26 de flanko A).

Sekve, kiam iu formas, per la tabuletoj, kvar-ciferajn nombrojn, la dua vico, dors'flanke, montras la unuojn, en inversa[5] direkto (de maldekstre dekstren!), kaj ĉar la restaĵo ĉiam estas 2, necesas al-doni (escepte[6] de la unua kolono) 2 al ĉiu nombro en la dua vico.

Antaŭ ol prezenti la magiaĵon, studu la bildon, kaj faru kelkajn provojn!

*RIMARKO:* Vi mem povas konstrui aliajn similajn nombro-vicojn; atentu nur pri la du bazaj reguloj!

PIEDNOTOJ sur la 19-a paĝo

## interesaĵoj

### KONCERTO[1] POR PLANTOJ



*Eksperimentoj[2] pruvis, ke muziko rapidigas la kreskadon de plantoj. Floroj, kiuj aŭskultis „koncerton" dum monatoj, kreskis pli rapide ol aliaj sen muziko. Ankaŭ kultur'plantoj kiel maizo[3], tritiko[4], ter'pomo donas rekordan[5] rikolton dank' al muzika akompano. Post dek „koncertoj", iu muziko-ŝat'anta suno-floro, ekzemple, fariĝis 4,5 metrojn alta.*

ABC POR KOMENCANTOJ

## KOKINOJ DEFENDAS SIN PER MORTO-SIMILA SEN-MOVECO



Usona esploristo, *Gordon Gallup* faris eksperimentojn pri la ŝajna mort'int'eco de bestoj. Por estigi tian staton, ofte sufiĉas kapti iun beston, kaj mal-ebl'igi al ĝi movi sin. La rigid-eco[6] daŭras dum 15 sekundoj ĝis horoj. La rekordon atingis iu kokino, kies rigideco daŭris 3 horojn kaj 47 minutojn.

*G. Gallup* eksperimentis ĉefe per kokinoj. Dum ilia rigid-eco, ili nek dormas, nek perdas la konscion; male, rapidiĝas iliaj koro-batoj, la spirado, kaj ankaŭ la elektra funkcio de la cerbo[7].

Laŭ la esploristo, la ŝajna morto-stato ek-estas pro forta timo-sento; ju pli granda ĝi estas, des pli longa estas la daŭro de la rigid-eco. La kokinoj precipe ektimis akcipitron[9], ŝtop'itan per pajlo[8]. Estas interese, ke nur la okuloj de la akcipitro timigis ilin. Kiam oni kovris al ĝi la okulojn, la kokinoj tute ne timis.

Tiu ĉi reflekso[10], ĉe la bestoj, ek-funkcias, kiam mankas ebleco for-kuri. Ĝi estas la lasta provo de sin-savo.

1. ĉi tie: muzika ludo/ 2. sciencaj provoj/ 3. ĝiaj dikaj flavaj semoj estas bona manĝaĵo por porkoj/ 4. pano-herbo/ 5. rekordo: el-stare bona kaj granda rezulto/ 6. rigida: malelasta; senmova/ 7. ĉefa nervoorgano en la kapo/ 8. trunketoj de panoherboj/ 9. granda birdo, kiu ĉasas birdojn, musojn k.t.p./ 10. ne-konscia re-ago de la muskoloj al ekstera efiko.

⊙ Kvin amikinoj, liceanoj Marie-Thérèse, Monique, Catherine, Christine kaj Anette deziras korespondi kun samaĝuloj. Ili interesiĝas pri vojaĝoj, libroj, poŝtmarkoj kaj muziko. Skribu al f-ino *Marie-Thérèse Delage;* Chez Rouchaud; 87440 ST. MATHIEN, *Francio.*

⊙ Serĉas leteramikojn 14 ĝis 16 jarajn en la tuta mondo *Boris Ŝarunov;* ul. Ĉajkinoj 64., kv. 33.; 347 908 TAGANROG, Rostovskaja obl.; *Sovetunio.*

⊙ Korespondemuloj skribu al Esperanto-klubo „Kolombo" oŝ „Hobodan Vuković"; Danila Dokića, 2.: YU—71000 SARAJEVO, *Jugoslavio.*

⊙ *Valerijus Rudzinskas* serĉas leteramikojn en la tuta mondo. Lia adreso: Stakier p-tas; Jurbarko raj.; SU—23 4442 *Litvio.*

⊙ 14-jara lernantino serĉas leteramikojn en Bulgario, GDR, Pollando, Ĉeĥoslovakio kaj Francio. Ŝi kolektas bildkartojn, insignojn kaj poŝtmarkojn. Skribu al f-ino




*Lilija Gizatulina;* ul. Antropova 31., kv. 21.; 340092 DONECK; *Sovetunio.*

⊙ *Oleg Kiriĉenko,* 14-jara lernanto volas korespondi kun samaĝuloj el Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Italio. Li kolektas poŝtmarkojn, insignojn kaj bildkartojn. Lia adreso: ul. Niĵnekurganskaja 1., k.v. 2.; 340092 DONECK, *Sovetunio.*

⊙ 20-jara fraŭlino deziras korespondi kun samaĝaj hungaraj gejunuloj. Ŝi interesiĝas pri ŝakludo, futbalo, skulptarto, kolektas kalendaro-kartojn. Adreso: *Margarita Varenĉak;* Darvenica — 3, Bl 17. et. 12, st. 10.; BG—1185 SOFIA 85;*Bulgario.*

**SE VI ESTAS KONTENTA PRI NIA LABORO, ABONU AL JUNA AMIKO!**

JUNA AMIKO

Internacia Lerneja Esperanto-Revuo

de la Hungara Esperanto-Asocio (H—1368 Budapest 5. Pf. 193). Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR), *M. Boulton* (Anglio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *As. Grigorov* (Bulgario), *R. Grinŝpan* (Sovetunio), *V. Heimlich* (Israelo), *L. Jevsejeva* (Sovetunio), *E. Linz* (Aŭstrio), *R. Okumura* (Japanio), *s-ino Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *Z. Rehorić* (Jugoslavio), *s-ino Saranath* (Hinda Unio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *s-ino M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio), *W. Zytyński* (Pollando). Grafikistoj: *J. Klement, P. Rak* (Ĉeĥoslovakio), *S. Plugor* (Rumanio), *s-ino É. Vali, Z. Vámos* (Hungario). Lingva kontrolo: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).

Kiadói Főig. engedélyszáma:
Minisztertanács Táj. Hiv. — III./IFJ/30/76






# humuro

„Panjo", diris fileto, „ĉu mi povas iri preni kelkajn ĉerizojn[1]?"
„Ne diru stultaĵon[2]! Estas ja vintro."
„Ne grave. Mi sur-metos vintran surtuton[3]."



BONA LETER'PORTISTO

„Mi ne supren-portos la leteron; estas en ĝi nenio interesa."

1. ĉerizo: ruĝa kaj dolĉa frukto, kiu maturiĝas en la komenco de somero/ 2 malsaĝ'aĵon/ 3. surtuto: longa vira jako, kiu atingas ĝis ĉirkaŭ la genuoj.